Esperanto servu pacon!


# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1976/77 №2(35) Oktobro


## D E C I D O J
## DE LA JUBILEA 10-A KONFERENCO DE SEJM-KONSILANTARO

1. Konfirmi kiel venkintojn de la socialisma konkurado respektive la klubojn de Poltava, Riga, Ufa. La klubon de Poltava premii per la transira SEJM-Pokalo kaj valora librodonaco. La klubojn de Ufa kaj Riga premii per librodon/acoj.

2. Distingi la klubon de Sizranj, okupintan la 1-an lokon inter la kluboj-kandidatoj, per librodonaco.

3. Noti, ke la kluboj-kandidatoj de Sizranj kaj Sterlitamak jam en la unua duonjaro superplenumis la minimuman normon de aktivado, kaj promocii ilin al la kategorio "membroj".

4. Kandidatigi al SEJM la E-klubojn de Petropavlovsk-Kamĉatskij, Permj, Angarsk, Magnitogorsk.

5. Transigi pro nesufiĉa aktiveco kaj manko de disciplino la klubojn de Birsk, Kedainiai, Velikije Luki, Siktivkar, Tula al la kategorio "kandidatoj".

6. Mallaudi pro neaktivado kaj nedisciplinemo la klubon de Tallinn.

7. Riproĉi pro maldiligenteco la E-klubojn de Ĉeljabinsk, Kapsukas, Kaunas, Soĉi, Viljandi, Maĥaĉkala, Liepaja.

8. Pro neaktivado kaj nedisciplinemo eksigi el SEJM la E-klubon de Taŝkent.

9. Taksi la laboron de la SEJM-Komitato "kontentige".

10. Elekti la novan SEJM-Komitaton en jena konsisto:
 Prezidanto - Bronŝtejn M.C.
 Unua vicprezidanto - Melnikov A.S.
 Vicprezidantoj pri:
 sekretariaj aferoj - Jegorovas P.K.,
 financaj aferoj - Cibulevskij D.M.,
 fakaj aferoj - Sapoĵnikov V.S.,
 renkontiĝoj - Gilinskij M.J.,
 interna informado - Aroloviĉ V.S.

11. Elekti kiel revizoron de SEJM k-don A.Vizgirdas.

12. Likvidi lumbildan servon kaj radioamatoran fakon.

13. Informan servon transform. al Propaganda fako.

14. Alinomi la Scienc-esploran fakon Sociologia.

15. Konfirmi gvidantojn de la fakoj kaj servoj:

| | |
|---|---|
| Bibliografia - Cvetkova V.P. | Metodika - Smetanina S.V. |
| Historia - Ĥarkovskij A.S. | Naturamika - Kilk A.K. |
| Kanta - Vizgirdas A.-P.P. | Poezia - Novikova L.L. |
| Kolektanta - Baniulaitis V.Z. | Propaganda - Medinŝ A.V. |
| Koresponda - Neilande S.E. | Scienc-teknika - Gonĉarov A.J. |
| Lerneja - Starodubcev N.N. | Sociologia - Ŝilas V.P. |
| Magnetofona - Sadauskis S.E. | Traduka - Ebel V.A. |

16. Esprimi laudon al la gvidanto de Scienc-teknika fako k-do Gonĉarov A.J. pro la farita esenca laboro.

17. Komisii al la SEJM-Komitato ellabori specialan kriteriarom por interna socialisma konkurado de la fakoj kaj servoj.

18. Rekomendi al la fakestroj kaj servoestroj per varbado krei

laborgrupojn el membroj de SEJM-kluboj, SEJM-subtenantoj kaj aliaj esperantistoj.

19. Taksi pozitive la funkciadon de jenaj fakoj kaj servoj: bibliografia, informa, kanta, kolektanta, koresponda, lerneja, magnetofona, metodika, naturamika, radioamatora, scienc-esplora, scienc-teknika, traduka.

20. Taksi negative la funkciadon de jenaj fakoj kaj servoj: historia, lumbilda, poezia.

21. Konsideri grava la historian laboron en SEJM. Rekomendi al la kluboj kolekti rememorojn de E-veteranoj pri la historio de E-movado en Sovetio.

22. Rekomendi al la Koresponda servo pli intense peri sendadon de adresoj de sovetiaj esperantistoj al la eksterlando.

23. Rekomendi al la fakoj organizi fakajn specialigitajn E-renkontiĝojn.

24. Estro de la Propaganda fako subiĝu rekte al la Prezidanto de SEJM.

25. Komisii al la SEJM-Komitato esplori eblecojn pri fondo de Interlingvistika fako.

26. Komisii al la SEJM-Komitato surbaze de la proponoj fare de la Konferenco ellabori perspektivan 5-jaran laborplanon de SEJM.

27. Komisii al la SEJM-Komitato ellabori novan Taksan Demandaron por la socialisma konkurado de la SEJM-kluboj.

28. Konfirmi la nove ellaboritan Regularon de SEJM kun proponitaj ŝanĝoj kaj aldonoj.

29. Aprobi la agadon de la interurba E-klubo "Antaŭen" kaj interŝanĝi numerojn de ties organo "Lumo verda" kaj "Aktuale".

30. Rekomendi al la kluboj sendi la kotizojn al la fonduso de SEJM kune kun la unua raporto.

31. Rekomendi al la kluboj daŭrigi la leterkontaktojn kun oficialaj instancojn. Eluzi por ĉi tiu celo la eksterlandajn ligojn.

32. Rekomendi al la kluboj plioftigi informadon al eksterlanda E-gazetaro pri la agado de la sovetiaj esperantistoj.

33. Rekomendi al la kluboj proponadi al la SEJM-Komitato novajn agadiniciatojn.

34. Reeldoni Jarlibron de SEJM, alvokon por la subteno de SEJM, instrukcian leteron al la subtenantoj de SEJM.

35. Determini kiel ĉefan agaddirekton de SEJM por la agadjaro 1976/77 la propagandan laborom.

36. Fondi dusemajnan informilon de urĝaj sciigoj.

37. Kompili kaj eldoni dum daŭro de la jaro la novan kantaron de SEJM.

38. Esplori eblecojn pri eldono de gvidlibro por tradukado.

39. Komisii al la SEJM-Komitato ellabori la buĝeton de SEJM por la agadjaro 1976/77 kaj antaŭvidi en ĝi artikolon pri la oficvojaĝoj de la komitatanoj.

40. Rekomendi al la kluboj-organizantoj de la renkontiĝoj sendi la raportojn pri ili al la vicprezidanto de SEJM pri renkontiĝoj.

41. Kompili kalendaron de la organizotaj dumjare E-renkontiĝoj kaj publikigi ĝin en "Aktuale".

42. Fiksi konstantan maksimuman tendarkotizon 3 rubloj por ĉiu tago kaj aliĝkotizojn 6,5,4 rubloj respektive por laborantoj, studentoj kaj lernantoj.

43. Limigi kvanton de partoprenantoj sen decida voĉdonrajto en la Konferencoj de SEJM-Konsilantaro konforme al la rezultoj de la socialisma konkurado.

44. Plani por la sekva jaro anstataŭ SEJT organizi 2 interregionajn E-tendarojn (Orientan kaj Okcidentan) konforme al la Regularo de SEJT.

45. Aprobi la proponitajn ŝanĝojn en la programo de SEJT-18.

46. Elekti Tendaran Estraron de SEJT-18 en jena konsisto: Bronŝtejn M., Arolovič V., Gakalenko V., Kogan A., Noĉovkin V., Novikova L., Sapoĵnikov V., Ŝĉerbakova N.
47. Laŭeble plioftigi partoprenon de SEJM-aktivuloj en eksterlandaj E-aranĝoj.
48. Prepari kaj eldoni Manlibron de Aktivulo.
49. Enkonduki jenajn kategoriojn de kluboj-membroj konforme al la rezultoj de la socialisma konkurado: kategorio A - ne malpli ol 1000 poentoj (Poltava, Riga, Ufa, Klaipeda, Vilnius, Krasnojarsk, Barnaul, Leningrad); kategorio B - de 500 ĝis 1000 poentoj (Rostov-Don, Ustj-Kamenogorsk, Ĥarkov, Tiĥvin, Tjumenj, Doneck, Moskvo, Miass, Ivanovo, Ĥmelnickij, Meĵdureĉensk); kategorio C - de 100 ĝis 500 poentoj (Novosibirsk, Sizranj, Talgar, Kievo, Kujbiŝev, Salavat, Viljandi, Kaunas, Omsk, Zaporoĵje, Liepaja, Sterlitamak, Ĉeljabinsk, Soĉi, Novomoskovsk, Maĥaĉkala, Kapsukas).
50. Daŭrigi la organizadon de Paroliga Periodo laŭeble antaŭ la interregionaj E-tendaroj.
51. Rekomendi al la Metodika fako ellabori unuecan programon por Paroliga Periodo.
52. KM de la Orienta tendaro en 1977 estu la klubo de Miass, KD - tiu de Ufa.
53. KM de la Okcidenta tendaro en 1977 estu la klubo de Poltava, KD - tiu de Riga.
54. KE por la Orienta tendaro en 1978 estu la kluboj de Barnaul kaj Krasnojarsk.
55. KE por la Okcidenta tendaro en 1978 estu la kluboj de Novomoskovsk kaj Maĥaĉkala.
56. La 11-an Konferencon de SEJM-Konsilantaro organizi post la Okcidenta tendaro samloke kun ĝi.
57. Subteni per materialoj, reeĥoj kaj abonoj la ĵurnalon "Sovetskaja molodjoĵ" (Riga).
58. Firmigi kunlaboron de SEJM kaj ĝiaj kluboj kun la E-Komisiono de SSOD.
59. Komisii kontroli la plenumon de tiuj ĉi Decidoj al la Prezidanto de SEJM.

Tiĥvin, la 22-an de aŭgusto 1976.

## R E G U L A R O
## DE SOVETIA ESPERANTISTA JUNULARA MOVADO (SEJM)

### I. SEJM, ĜIAJ CELOJ KAJ ĈEFAJ TASKOJ.

1. SEJM estas formo de kunagado inter junularaj E-kluboj (grupoj), komunaj E-kluboj aŭ iliaj junularaj sekcioj.
2. La celoj de SEJM estas disvastigo, diskonigo kaj praktika utiligo de Esperanto por propagandi la sovetan ideologion kaj la kulturojn de sovetaj popoloj eksterlande surbaze de la proleta internaciismo kaj paca kunekzistado samkiel por la ekkono de la vivo kaj kulturo en eksterlando pere de Esperanto.
3. SEJM bazas sian agadon sur aktualaj decidoj kaj dokumentoj de la partiaj, komsomolaj, sovetaj instancojn kaj edukas siajn membrojn en la spirito de soveta patriotismo kaj proleta internaciismo.
4. La ĉefa tasko de SEJM estas: organizi la sovetian esperantistan junularon por atingi la celojn per la plej diversaj konvenaj rimedoj kaj metodoj.
5. SEJM manifestiĝas per kunagado de siaj kluboj. SEJM akceptas subtenon kaj kunlaboron de nealiĝintaj E-kluboj kaj de individuaj esperantistoj.
6. SEJM kunlaboras kun naciaj kaj internaciaj E-organizaĵoj surbaze de la celoj.

7. La oficiala kaj labora lingvo de SEJM estas la internacia lingvo Esperanto. Laŭbezone estas uzeblaj ankaŭ aliaj lingvoj.

8. SEJM ĉiujare organizas amasajn E-aranĝojn por esperantista junularo.

## II. SEJM-KONSILANTARO. KONFERENCOJ DE SEJM-KONSILANTARO.

1. SEJM reprezentiĝas per Konsilantaro, kiun eniras: a) reprezentantoj de la kluboj; b) komitatanoj de SEJM; c) eventualaj prezidantoj de regionaj komitatoj; ĉ) fakestroj kaj servoestroj; d) reprezentantoj de SEJM ĉe TEJO kaj UEA; e) revizoro de SEJM. Konsilantaro estas supera organo de SEJM.

2. Forumo de SEJM estas Konferenco de la Konsilantaro (SEJM-Konferenco).

3. SEJM-Konferencoj okazas unufoje en jaro.

4. SEJM-Konferencon rajtas partopreni sen decida voĉdonrajto certa kvanto da aktivuloj konforme al la rezultoj de la socialisma konkurado.

5. Konsilantaro:

a) akceptas kaj ŝanĝas la Regularon;
b) akceptas raportojn de la Komitato;
c) konfirmas perspektivan kaj agadjaran laborplanon de SEJM;
ĉ) elektas Komitaton, fakestrojn kaj servoestrojn, revizoron, reprezentantojn ĉe TEJO kaj UEA;
d) fiksas la ĝeneralajn agaddirektojn;
e) organizas kaj efektivigas interŝanĝon de agadsperto;
f) fiksas membro- kaj subtenkotizojn;
g) pridiskutas movadajn problemojn;
ĝ) decidas pri kandidatigo de novaj kluboj al SEJM kaj eksigo de la neaktivaj kluboj el SEJM;
h) decidas pri la organizo de SEJM-gravaj amasaj E-aranĝoj.

## III. SEJM-KOMITATO.

1. Por solvo de aktualaj demandoj dum la agadjaro estas elektata Komitato (prezidanto kaj vicprezidantoj de SEJM).

2. Komitato estas centra plenuma organo de SEJM.

3. Estas rekomendataj jenaj kondiĉoj ĉe elekto de SEJM-Komitato:

a) por prezidanto - minimume jara komitataneco;
b) por vicprezidantoj - minimume jara membreco en la Konsilantaro aŭ klubestreco.

4. Komitato:

a) planas la laboron de SEJM; gvidas, koordinas la laboron de la kluboj, fakoj kaj servoj dum la agadjaro;
b) direktas la agadon, rekomendas aktualajn aktivecojn, organizas kampanjojn;
c) reprezentas SEJM-on ĉe oficialaj instancoj, nealiĝintaj kluboj kaj individuaj esperantistoj kaj eksterlande;
ĉ) realigas decidojn de la Konsilantaro, kontrolas ties plenumon;
d) preparas programon de SEJM-Konferenco;
e) gvidas organizon de SEJM-gravaj amasaj aranĝoj por E-junularo;
f) aprobas la buĝetoplanon de SEJM, direktas la financan-mastruman agadon de SEJM;
g) rekomendas delegitojn al eksterlandaj vojaĝoj;
ĝ) organizas socialisman konkuradon inter la kluboj kaj inter la fakoj kaj servoj;
h) solvas aliajn aktualajn demandojn de SEJM-graveco.

5. La Komitato raportas pri la dumjara agado al la Konferenco, sur paĝoj de "Aktuale", regule kunsidas (3-4 fojojn jare) kaj cirkuleras inter si.

IV. SEJM-KLUBOJ, SEJM-REPREZENTANTOJ, ILIAJ DEVOJ KAJ RAJTOJ.

1. Esperanto-kluboj (grupoj, sekcioj) estas kolektivaj membroj de SEJM. Membreco en SEJM estas nur kolektiva.

2. Nova klubo estas kandidatigata al SEJM per decido de SEJM-Konferenco (escepte dum regionaj E-renkontiĝoj, kiujn partoprenas minimume tri SEJM-kluboj).

3. La kluboj transiras de kandidatoj al membroj kaj inverse laŭ la rezultoj de la socialisma konkurado.

4. Ĉe la kandidatiĝo la klubo anoncas SEJM-reprezentanton el siaj estraranoj, kiu aŭtomate eniras la Konsilantaron.

5. SEJM-kluboj plenumas decidojn de SEJM-Konferenco, de Komitato, aktive agas en sia regiono de aktiveco, pri sia laboro dufoje jare sendas skriban raporton al la Sekretario de SEJM laŭ la Taksa Demandaro, ĝustatempe pagas kotizon por la SEJM-fonduso, regule sendas materialojn al "Aktuale" kaj aliaj informiloj de SEJM.

6. SEJM-reprezentanto devas:
a) reprezenti la interesojn de la klubo en SEJM kaj inverse;
b) organizi ĝustatempan raportadon kaj pagadon de la kotizo, sendadon de materialoj al la SEJM-informiloj;
c) organizi plenumon de decidoj de la Konferenco kaj de la Komitato fare de la klubo;
ĉ) organizi kunlaboron de la klubo kun la fakoj kaj servoj de SEJM, same la interkluban kunlaboron;
d) raporti pri la agado de la klubo dum SEJM-Konferenco, al la Komitato, dum regionaj E-renkontiĝoj.

7. SEJM-klubo rajtas:
a) prezenti delegitarojn al aranĝoj de SEJM;
b) prezenti delegitojn al eksterlandaj E-aranĝoj;
c) uzi la servojn de SEJM, kunlabori kun la fakoj;
ĉ) prezenti siajn kandidatojn por elekto de komitatanoj, fakestroj, servoestroj kaj aliaj funkciuloj;
d) uzi la informilojn de SEJM por prezenti siajn opiniojn, prilumi la kluban vivon;
e) proponi sin por organizo de SEJM-gravaj E-aranĝoj por la junularo.

8. E-kluboj, neglektantaj ĉi tiun Regularon kaj precipe la regulon IV.5., estas eksigataj el SEJM kaj ĉesas ricevadi la informilojn.

V. FAKOJ KAJ SERVOJ.

1. En SEJM funkcias diversaj fakoj kaj servoj. La fakoj kaj servoj ekfunkcias kaj estas likvidataj laŭbezone dum SEJM-Konferenco.

2. La fakojn kaj servojn gvidas fakestroj kaj servoestroj, elektataj el aktivuloj de SEJM aŭ el subtenantoj de SEJM dum SEJM-Konferenco.

3. La elektitaj fakestroj kaj servoestroj per varbado formas laborgrupojn el membroj de SEJM-kluboj, el subtenantoj de SEJM kaj aliaj esperantistoj.

4. La taskojn de konkreta fako aŭ servo fiksas SEJM-Konferenco aŭ Komitato.

5. La fakestroj kaj servoestroj raportas pri sia laboro al SEJM-Konferenco, SEJM-Komitato, sur paĝoj de la informiloj.

6. Senperan gvidadon de la fakoj kaj servoj efektivigas la vicprezidanto de SEJM pri tiaj aferoj.

VI. REGIONA AGADO.

1. SEJM havas jenajn regionojn de aktiveco: a) Ĉebaltian; b) Centro-Rusian; c) Sudan; ĉ) Volgo-Uralan; d) Azian. Laŭbezone povas kreiĝi novaj regionoj.

2. Por solvo de aktualaj demandoj de regiona graveco povas esti

elektataj regionaj komitatoj.

3. Regionaj komitatoj mobilizas fortojn de la kluboj por plenumi la decidojn de SEJM-Konferenco kaj de la Komitato, organizas regionajn E-renkontiĝojn, regionajn konferencojn, zorgas pri ĉiuj aliaj movadaj regionaj demandoj.

4. Regionajn komitatojn gvidas la SEJM-Komitato.

5. Regionaj komitatoj raportas pri la laboro al SEJM-Konferenco, SEJM-Komitato, sur paĝoj de la informiloj.

VII. INFORMADO EN SEJM.

1. La centra informilo de SEJM estas bulteno "Aktuale", kiu estas dissendata al ĉiuj kluboj-membroj kaj kandidatoj, komitatanoj, fakestroj kaj servoestroj, revizoro de SEJM, reprezentantoj de SEJM ĉe TEJO kaj UEA, individuaj kaj kolektivaj subtenantoj.

2. La redaktoro de "Aktuale" eniras la SEJM-Komitaton.

3. SEJM eldonas regulan informilon de urĝaj novaĵoj kaj nacilingvan folion de gravaĵoj por propagandaj celoj.

4. La fakoj kaj servoj rajtas havi apartajn informilojn, same la regionoj de aktiveco.

5. SEJM subtenas la literaturan almanakon "Amikeco" kaj kunlaboras kun ĝi.

6. Por urĝa informado ĉiu struktura unuo de SEJM rajtas eldoni kaj dissendi neregulan porfojan informleteron.

7. Al la kluboj-membroj kaj kandidatoj estas dissendata "Informa Kolekto de SEJM".

8. Ĉiuj kluboj-membroj kaj kandidatoj, komitatanoj, fakestroj kaj servoestroj, revizoro, reprezentantoj de SEJM ĉe TEJO kaj UEA, individuaj kaj kolektivaj subtenantoj ĉiuagadjare ricevas Jarlibron de SEJM.

9. Laŭ decido de la SEJM-Komitato kaj SEJM-Konferenco povas esti uzataj ankaŭ aliaj formoj de interna informado.

VIII. SOCIALISMA KONKURADO.

1. Inter la kluboj-membroj kaj kandidatoj de SEJM estas efektivigata socialisma konkurado.

2. La rezultoj de la socialisma konkurado estas anoncataj por ĉiu agadjaro surbaze de Taksa Demandaro, kiun kompilas SEJM-Komitato.

3. La SEJM-Komitato surbaze de la klubaj raportoj, raportoj de la fakoj kaj servoj ĉiujare fiksas rangliston de la kluboj laŭ aktiveco.

4. La SEJM-Konferenco ĉiujare konfirmas la plej aktivajn klubojn, kiuj ricevas valorajn premiojn. La plej bona klubo, krome, ricevas la transiran SEJM-Pokalon.

5. La klubo, trifoje gajninta la SEJM-Pokalon, ekhavas ĝin por eterne. Tiuokaze SEJM-Komitato fondas alian SEJM-Pokalon.

6. Depende de la rezultoj de la socialisma konkurado la kluboj-membroj estas dividataj al 3 kategorioj. La konkurado kaj premiado okazas en ĉiu kategorio aparte.

7. Socialisma konkurado povas okazi ankaŭ inter la fakoj kaj servoj laŭ speciale kompilita kriteriaro.

IX. SUBTENANTOJ DE SEJM.

1. Subtenantoj de SEJM estas individuaj esperantistoj sendepende de la aĝo kaj E-kluboj nealiĝintaj, kiuj subtenas SEJM-on finance kaj kontribuas la agadon de SEJM.

2. La subtenanteco estas akceptata kaj validas dum la koncerna agadjaro.

3. Por fariĝi subtenanto de SEJM necesas pagi al la SEJM-fonduso monsumon, fiksitan de SEJM-Konferenco, malsaman por kolektivaj kaj individuaj subtenantoj. Samtempe necesas informi la Sekretarion de SEJM.

4. La subtenantoj ricevas la informilojn de SEJM, aliajn gravajn materialojn.

5. La subtenantoj rajtas kontribui al "Aktuale", povas uzi la servojn, kunlabori en la fakaj laborgrupoj, partopreni SEJM-gravajn E-aranĝojn.

6. La subtenantoj pri sia agado informas la Sekretarion de SEJM.

7. La sola devo de la subtenantoj estas sekvi la Instrukcian Leteron, alsendatan al ĉiu subtenanto. Se iu subtenanto krude neglektas la Instrukcian leteron, la SEJM-Komitato rajtas rifuzi subtenantecon al tiu persono aŭ kolektivo, resendante koncernajn monsumojn aŭ malakceptante la novajn.

X. HONORAJ AKTIVULOJ DE SEJM.

1. Okaze de la jubileoj de SEJM ĉiun 5-an jaron estas elektataj Honoraj Aktivuloj de SEJM.

2. La kondiĉojn de elektado fiksas SEJM-Komitato.

3. Honoraj Aktivuloj de SEJM estas elektataj el la plej elstaraj SEJM-aktivuloj, havantaj apartajn meritojn pro sia longdaŭra kaj aktiva agado en la kadro de SEJM.

4. Honoraj Aktivuloj de SEJM rajtas:

a) sen rekomendo veni al ĉiuj aranĝoj de SEJM, organizataj sub aŭspicio de SEJM;

b) peti informojn ĉe la Komitato de SEJM, ĉe la fakestroj kaj servoestroj kaj aliaj funkciuloj;

c) insisti pri pridiskuto de apartaj demandoj en la SEJM-Komitato, en la SEJM-Konferenco.

5. La listo de Honoraj Aktivuloj de SEJM estas publikigata en la Jarlibro de SEJM.

XI. ALIAJ DEMANDOJ.

1. Ĉiuj oficoj en SEJM daŭras unu agadjaron.

2. La novelektita Komitato, la fakestroj kaj servoestroj, la revizoro ekfunkcias ekde la 1-a de septembro de la koncerna agadjaro.

3. La fonduso de SEJM konsistas el:

a) subtensumoj kaj membrokotizoj de la kluboj;

b) profito de la SEJM-gravaj E-aranĝoj;

c) enspezoj de butikoj, loterioj kaj aliaj aranĝoj;

ĉ) mondonacoj, subvencioj kaj aliaj enspezoj.

4. La mono de la SEJM-fonduso estas uzata por:

a) kovri elspezojn de la informiloj;

b) akiro de propagandiloj kaj lerniloj;

c) eventuala eldono de E-materialoj;

ĉ) premiado de la plej aktivaj kluboj;

d) akiro de teknikaj rimedoj;

e) diversaj aliaj organizaj kaj teknikaj elspezoj (poŝtelspezoj, oficvojaĝoj k.a.).

5. La subtenaj monsumoj kaj klubaj membrokotizoj estas pagataj laŭ limtempoj, fiksitaj de la SEJM-Komitato.

6. La buĝetan planon de SEJM ĉiujare kompilas la vicprezidanto de SEJM pri financaj aferoj kaj konfirmas la SEJM-Komitato.

7. La revizoro de SEJM, elektata dum la SEJM-Konferenco, regule kontrolas la financan-mastruman agadon de SEJM kaj raportas al la Konsilantaro.

8. La reprezentantoj de SEJM ĉe TEJO kaj UEA reprezentas la interesojn de SEJM ĉe tiuj organizaĵoj, peras la kunlaboron. Ili raportas pri sia agado al la SEJM-Komitato, SEJM-Konferenco kaj sur paĝoj de "Aktuale".

9. SEJM estas likvidata per decido de SEJM-Konsilantaro per kvalifikita plimulto da voĉoj (2/3).

10. Fari ŝanĝojn en tiu ĉi Regularo rajtas nur Konferenco de SEJM-Konsilantaro.

(Akceptita dum la Jubilea 10-a Konferenco de SEJM-Konsilantaro la 15-an de aŭgusto 1976, Tiŝvin.)

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

KELKVORTE PRI LA FINANCA DOKUMENTADO

Karaj geamikoj! Skribi ĉi tiun artikolon devigis min tiuj personoj, kiuj jam kontaktis kun mi pri la financoj. Bedaŭrinde, ne ĉiuj el vi scias, kiel necesas korekte dokumenti la financojn, sed la ordo en monaj aferoj ĉiam devas esti.

Kiel, laŭ mia opinio, necesas senerare kontakti kun la "ministro pri financoj"? Mi provos nun formuli por vi kelkajn regulojn.

Unue, pri la kotizoj. Sendante la kotizon, SEJM-reprezentanto de la klubo devas paralele sendi leteron kun klarigo, proksimume tiele "La E-klubo (nomo, urbo), konsistanta el (nombro) membroj, pagas al SEJM-kaso la kotizon por la periodo de (dato) ĝis (dato). La sumo (kvanto) rub. estas forsendita (dato). SEJM-reprezentanto (subskribo, familinomo)". Similan leteron pri la monekspedo sendu ankaŭ SEJM-subtenantoj.

Due, pri aliaj el- kaj enspezoj. Se iu el vi prunteprenis E-aĵojn en la butiko aŭ monon el la SEJM-kaso, do resendante la ŝuldatan monon akompanu ĝin per la papero, klariganta, kiam kaj ĉe kiu estis prenita la mono (indiku titolojn, nombrojn kaj prezojn de la E-aĵoj). Unuvorte, faru financan dokumenton.

Trie, pri la financaj raportoj. Se iu SEJM-ano prenas el la kaso monon kun celo akiri ion por SEJM (ĉu E-insignojn, ĉu librojn), do tiu persono nepre devas raporti pri la elspezoj, respondante al la demandoj: kiam, de kiu(j) kaj kiu(j)n sumo(j)n li ricevis (unua parto de la raporto - ricevo de la mono); la monelspezoj, enkalkulante ankaŭ la poŝtajn (dua parto de la raporto); la resta sumo, resendata al la kaso (konkluda parto).

Estas okazoj, kiam oni sendas monon laŭ peto de la kasisto al alia persono. Tio tamen ne signifas, ke la raporton oni sendu laŭ la sama adreso: la raportojn - nur al la kasisto.

Ĉiu sendata de vi dokumento havu 3-centimetran marĝenon maldekstre de la teksto.

Finante ĉi tiun alvokon, mi volus memorigi al vi la decidon de la lasta Konferenco pri la limdatoj por la kotizpagado kaj esprimi esperon, ke mi ricevados de vi nur ĝustatempajn kotizojn kun la necesaj akompanaj paperoj.

D.Cibulevskij, v/p pri financaj aferoj.

NI ZORGU NIAN HISTORION

Sur paĝoj de SEJM-organoj, dum niaj Konferencoj ofte temis pri historio de E-movado en nia lando. Por plivastigi kaj ordigi ĉi tiun laboron, en 1974 SEJM fondis la historian fakon kun la gvidanto J.Petrulis. Li aktive ekagis (vidu liajn artikolojn en "A" N-9(13) - pp. 80 - 81, N-1(16) - pp. 4 - 6), sed bedaŭrinde en aprilo 1975 li forpasis, kaj la kolektitaj materialoj estis perditaj.

La laboron de J.Petrulis daŭrigis la nova fakestro A.Ĥarkovskij. Tuj post sia elektiĝo dum la 9-a SEJM-Konferenco li aperigis la "Voĉon de krianto en dezerto" ("A" N-9(24) - p. 117). Mi opinias, ke Aleksandro elektis ne ĝustan vojon. Li ne serĉu la helpantojn, sed rekte proponu al ju certan parton de la laboro, al alia - la alian ktp. Tempo ankoraŭ ne estas perdita, sed plu atendi ni ne povas.

Kiel organizi la laboron de la historia fako nun? Laŭ mia opinio,

la tutan laboron necesas dividi je du grandaj partoj (ankaŭ pri tio temis multfoje): 1) E-movado ĝis la 50-aj jaroj - por kolekti tiujn materialojn ni bezonas helpon de niaj karaj veteranoj (Veteranoj-subtenantoj, kiuj legas ĉi tiujn vortojn! Ne preteratentu ilin, helpu nin ĉiamaniere! Ni reciproke pretas helpi vin teknike: surbendigi viajn rememorojn, ordigi la historiajn materialojn...); 2) E-movado dum lastaj jaroj (fakte, ĉefe la historio de SEJM).

Karaj SEJM-anoj! Plj ĝuste, SEJM-veteranoj! Ne atendu, kiam oni vokos vin helpi. Malgraŭ ke iaj paŝoj estas jam farataj (baldaŭ devos aperi libreto pri la SEJM-jubileo, kiu enhavas aron da historiaj faktoj), tio certe ne sufiĉas. La laboron pri la SEJM-historio necesas fari laŭ la regionoj de SEJM-aktiveco, laŭ la SEJM-kluboj.

A. La kluboj, kiuj organizis BETojn, SEJTojn, aliajn diversspecajn renkontiĝojn, devas trafoliumi siajn albumojn, paperujojn kaj fari reportajn listojn pri la aranĝo, respondante al jena proksimuma demandaro:

1. Loko, tempo, nomo de la aranĝo.
2. Klubo-organizanto.
3. Adresaro (dezirinde kun la enketoj) de la partoprenintoj.
4. Programo.
5. Artikoloj en gazetaro pri la aranĝo (almenaŭ titoloj de la artikoloj kaj gazetoj).
6. Influo de la aranĝo al la kluba vivo de la klubo-mastro.

Unuavice tiun laboron devas fari la kluboj en Vilnius, Barnaul, Riga, Ufa.

B. Multaj E-kluboj de la lando havas jam sian propran 10- aŭ 15-jaran historion, ekz. Vilnius, Ufa, Ĥarkov, Moskvo... Ni ne forgesu ankaŭ pri ĝi.

Do, kiel vi vidas, la laboro abundas. Kaj mi petas vin ĉiujn - ne nur tralegu la artikolon, sed tuj komencu agi por ekplugi finfine tiom vastan kampon - la historion.

D. Cibulevskij (Ĥarkov).

## MNEMONIKA METODO

Dum la instruado de E. mi uzis kaj uzas mnemonikan metodon, taŭgan por ĉiuj ruslingvanoj dum la lernado de E. Tiu ĉi mnemonika metodo plifaciligas la enkapigon de ĉiuj verbaj finaĵoj. La mnemonikaĵoj estas certaj eroj de rusaj vortoj kaj la vortoj mem laŭ ilia senco. Estas preferinde skribi la erojn per E-literoj kaj alikolore ol la ekster-erajn partojn de la vortoj. La ekster-eraj partoj povas esti skribitaj ĉu per E-literoj, ĉu per la rusaj. Jen la metodo mem:

La finaĵo de infinitivo: I — Ekzemple: legI
Mnemonikaĵo: pastI, evestI, trjastI, spastI, idtI ktp.

La finaĵo de preterito: IS — Ekzemple: mi legIS
Mnemonikaĵo: IStorija

La finaĵo de prezenco: AS — Ekzemple: mi legAS
Mnemonikaĵo: nAStojaŝĉeje

La finaĵo de futuro: OS — Ekzemple: mi legOS
Mnemonikaĵo: pOSledujuŝĉeje

La finaĵo de imperativo: U — Ekzemple: mi legU
Mnemonikaĵo: nU!

La finaĵo de kondicionalo: US — Ekzemple: mi legUS
Mnemonikaĵo: USlovnoje naklonenije

Por ke la tabelo estu maksimume rezultodona, la kursgvidanto devas prizorgi, ke ĉiuj gekursanoj havu ĝin individue, "ĉemane" ĝis plena enkapigo de la verbaj finaĵoj de Esperanto.

A. Natinj (Petropavlovsk-Kamĉatskij).

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

EN LA KOMITATO DE SEJM

La Komitato decidis akcepti la eksiĝon de M.Bronŝtejn ekde la 1-a de novembro. Ĝis la Konferenco la funkcioj de la prezidanto estos dividitaj inter la vicprezidantoj. En necesaj okazoj turnu vin: pri kontaktoj kun nealiĝintoj - al P.Jegorovas, pri kontaktoj kun oficialaj instancoj - al V.Aroloviĉ, pri organizo de la interregionaj tendaroj - al V.Sapoĵnikov (Oriento), D.Cibulevskij (Okcidento) kaj M. Gilinskij (ambaŭ tendaroj), pri ceteraj demandoj - al A.Melnikov.

ABONADO POR 1977

Tallinna E-klubo aranĝas abonadon por jenaj E-revuoj kaj gazetoj:
HEROLDO DE ESPERANTO, 18 n-roj, jarabono 11 rub. + 16 kovertoj por la sendado, sur ĉiu koverto ADRESO de la abonanto kaj 3-kopeka poŝtmarko. Dissendos la peranto J.Palu.
DER ESPERANTIST (revuo el GDR), 6 n-roj, 1.50 rub. jare.
BULGARA ESPERANTISTO, 12 n-roj jare, 2.50 rub. Abonu rapide, limtempo - la 1-an de novembro.
SCIENCA REVUO (kun membreco de ISAE), 6 n-roj, 7.50 rub.
INTERLIGILO (organo de Internacia Poŝtista-telegrafiista E-Asocio - novaĵoj el la mondo kaj pri poŝto, filatelo), 4 n-roj, 1.75 rub.
HOMO KAJ KOSMO - informoj mankas, validos la nunjara abono.
La abonojn (adresoj kun indeksoj, klare skribitaj!) kaj la abonpagon sendu antaŭ la 1-a de decembro 1976 al la peranto Johannes J. Palu, 200016 TALLINN, do vostrebovanija.

APERONTAJ LIBROJ

La eldonejo "Eesti Raamat" ("Estona Libro") daŭrigas eldonadon de E-lingvaj libroj el la estona literaturo. En la fino de 1976 aperos la romano de la klasikulo A.H.Tammsaare "La mastro de Kõrboja", 152 paĝoj, la prezo proksimume 45 kop.
En la templano por 1977 sub n-ro 171 oni anoncas aperon de "Estona sovetа poezio", tradukita kaj kompilita de H.Dresen, proksimume 100 paĝoj, 78 kop., ilustrita per fotoj de la poetoj.
Antaŭmendu la librojn pere de viaj lokaj librovendejoj aŭ per "Kniga poŝtoj", 200001 Tallinn-1. Dank' al viaj antaŭmendoj eblos precizigi la necesan eldonkvanton.

J.Ojalo (Tallinn).

AL LA AŬTOROJ

La ĉi-subaj klarigoj eble al multaj ŝajnos trivialaj, tamen la venantaj materialoj montras, ke por iuj aŭtoroj ili estas necesaj.
La tekstoj estu tajpitaj aŭ skribitaj sufiĉe legeble, ili havu intervalojn kaj marĝenojn por la redaktaj notoj. Principe estas akceptataj nur la E-lingvaj tekstoj, do ne superŝarĝu la redakcion per aldona laboro - tradukado de ruslingvaj kontribuaĵoj. Esceptoj eblas, nur se konservo de nacilingva teksto estas esenca, ekz. por traduka konkurso.
Neglekto de tiuj ĉi kondiĉoj dume kaŭzas nur prokraston de tiaj materialoj, estonte ili entute ne estos akceptataj.

V.Aroloviĉ, la redaktoro de "A".

EN LA SEKVA NUMERO

- Laborplano de la SEJM-Komitato
- artikolo de I.Koroljov pri arkeologia E-brigado en Bulgario

---

La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 16.10.76.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al: 121019 Moskvo d/v, Aroloviĉu V.S.